


# PEDAGOGIA REVUO

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO DE
GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.

7-a JARO N-o 4-5 APRILO-MAJO 1928

## Enhavo.

7-a Jaro. N-o 4-5 Aprilo-Majo 1928

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: HANS LUDWIG, Pirna-Posta IV-b (Germanujo)
Administrejo: M. GOLDBERG, Frohburgerstr. 68 p., Leipzig S 3 (Germ.), poŝtĉekkonto Leipzig 20 410 — Anoncoj: La linio, 3 mm alta, 6 cm larĝa, kostas 0,30 M.

## Al la kolegoj.

(Alvoko de D-ro Dietterle-Leipzig.)

Ne estas necese, paroli pri la lasta celo de nia Esperanto-movado! Pri ĝi ni ĉiuj tute konsentas: „Enkonduko de Esperanto, kiel dua lingvo apud la gepatra, en ĉiuj lernejoj de la mondo“. Sed ni ne konsentas pri la vojo al la celo. Kvankam D-ro Zamenhof iam diris: „klara kaj rekta kaj tre difinita, ĝi estas, la voj' elektita“, tamen ekzistas inter la samideanaro tre multaj personoj, kiuj ne havas klaran ideon pri nia vojo. Ili ne vidas, ke oni povas progresi sur ĝi nur „paŝo post paŝo“, ke ĝi bezonas „l' obstinon kaj la paciencon“, ke oni ne povas fari la duan, aŭ eĉ la lastan, paŝon antaŭ la unua. Ili tuj volas vidi la „finan venkon“, ne pripensante, ke ni nur „post longa laboro atingos la celon en gloro“. Tre facile kaj tre baldaŭ ili laciĝas pro tio kaj el entuziasmiĝintaj idealistoj fariĝas rezignantaj skeptikuloj kaj senkuraĝuloj.

Al ĉi tiu speco mi alkalkulas — ili pardonu, sed per komplimentoj ni ne progresos! — grandan parton de tiuj, kiuj jam hodiaŭ postulas la tujan devigan enkondukon de Esperanto en ĉiuj lernejoj de la tuta mondo, ne pripensante, kion tio signifas kaj postulas.

Ke mi estas konvinkita Esperantisto, pri tio verŝajne neniu dubas, kiu konas min. Des pli oni jam ofte miris pri mia sintenado rilate la nomitan postulon. Antaŭ kelkaj jaroj en samideana kunveno mi diris duonŝerce, sed cetere tute serioze: „Se mi hodiaŭ fariĝus instruministro, mi — kvankam konvinkita Esperantisto — nepre rifuzus la peton kaj postulon, tuj devige enkonduki Esperanton en la lernejoj de mia ministra sfero. Pro tre simpla kialo! Supozite, ke niaj regna kaj landaj parlamentoj farus tiurilatan decidon, mi protestus, ĉar ni travivus nur grandan fiaskon. Mankas la sufiĉa nombro de bone por la instruo edukitaj instruistoj. Sen bonaj instruistoj neniu bona instruado! La Esperanto-instruado en lernejoj okazu nur bone aŭ tute ne. Malbona instruado forpelas la interesulojn, ĝi enuigas la lernantojn; la infanoj ĉiam kaj ĉie interesiĝas kaj anime varmiĝas por iu ajn instrufako nur, se ĝi estas en la manoj de bona instruisto“. —

Multaj ne povis kaj ne volis kompreni ĉi tiun mian dirajon. Oni rigardas la demandon kaj la postulon pri instruistoj dua demando post la postulo pri ĝenerala enkonduko en lernejoj, kiu laŭ ilia opinio estas la unua kaj

**La venonta numero aperos la 20-an de Junio.**

ĉefa. La ĉefa, jes! Sed realigebla nur kiel dua post la unue citita! Des pli mi ĝojas pri artikolo, kiun nia lerta kaj agema kunbatalanto, Dr. Vogt en Stuttgart (kiu ne estas „pedagogia fakulo") skribis en „Germana Esperantisto" Dec. num. 1927 paĝ. 166 sub la titolo: „Unsere Werbearbeit" (Nia propagando-laboro), kaj mi ĉi tie donas — libere tradukante — kelkajn de liaj frazoj, kiuj meritas la atenton precipe de niaj instruistaj gekolegoj.

Li diras: „Jam antaŭe unu el la gvidantaj Esperantistoj atentigis pri tio, ke por nia movado kun ĉiu tago, dum kiu ĝi kreskos en pli vastaj rondoj, ekestas alia danĝero, nome la danĝero, ke ni ne havos sufiĉe da taŭgaj instruistoj, se iufoje — kaj tio povas okazi — oni subite postulas de ni, ke ni prezentu instruistojn por centmiloj da novaj adeptoj.

Ĉi tiu danĝero, kiu minacas al nia movado, ne estas timo antaŭ fantomo. Laŭ mia opinio ĝi estas treege granda; mi devas esprimi la timon, ke ĝi — kvankam ĝi ne detruos ĝin entute — povos malhelpi nian movadon dum jardekoj, se ni ne sufiĉe frue agos kontraŭ ĝi. Oficialaj institucioj, kiuj estos decidintaj favore al Esperanto, nepre estus tute seniluziigitaj, kiam ili devus konstati, ke mankas la necesaj instruistoj por solvi la demandon pri enkonduko de Esperanto en la lernejoj.

Do, ŝajnas al mi la plej grava kaj urĝa postulo niatempa, zorgi, por ke oni varbu unue kaj antaŭ ĉio inter la instruistoj de ĉiaj kategorioj kaj ke oni instigu ilin, lerni la mondhelplingvon — — — nur la solvo de la instruisto-problemo garantios la ĉiuspecan sukceson. Vidu la ĝisnunajn metodojn! La plendoj, ke la kursoj kutime komenciĝas kun 20—40 lernantoj kaj finiĝas kun eble 5, sole rezultiĝas el la fakto, ke mankas „taŭgaj" instruistoj. La kursgvidantoj, kiuj certe kiel laikoj ĝis nun faris treege dankindan, penplenan laboron, devas esti anstataŭataj per fakuloj — — —.

En la momento, en kiu ni por la diversaj landoj havos sufiĉe grandan nombron da instruistoj, favoraj al Esperanto, nia propagando estos multe pli efika — — —. La instruistoj mem estos la plej valoraj kunlaborantoj por la propagando kaj la plej bonaj varbantoj inter la junularo. Instruisto, kiu aliĝas al granda kulturmovado, tion faras nur el plej interna konvinko, sed tiam li ankaŭ kun ĉi tiu konvinko povos varbi por la afero, kiel neniu alia.

Do, Esperantistoj tutmondaj, pripensu, ke la plej ĉefa tasko dum la venontaj jaroj estas la jena: varbi la fakulojn (t. e. la instruistojn de ĉiuj lernejaj kategorioj)! Tio estas la plej grava laboro farebla por nia movado."

Tion Dr. Vogt skribis por la tuta Esperantistaro, por montri la propagando-vojon nuntempe irendan. Mi limigas min, montrante nur tion, kio sekvas el liaj vortoj por ni — la instruistoj. Mi ne parolu pri la ideo — tre bona — ke ne nur „instruantoj", sed „instruistoj" gvidu kursojn en niaj grupoj ktp. Mi scias multe pli bone ol aliaj, ke inter la kursgvidantoj estas bonegaj instruantoj. Sed, se oni enkondukos oficiale Esperanton en la lernejoj, la registaroj ne demandos pri „instruantoj", sed pri „instruistoj", pri pedagogiaj fakuloj. Tion ni pripensu! Tial la definitiva sukceso de nia propagando dependos de nia sintenado, de la gekolegoj. Tio estas por mi kvazaŭ aksiomo, ne bezonanta pruvon — kaj cetere la jeno:

1. La instruistoj dum la nuntempa stato devas esti la ĉefaj **defendantoj** kaj adeptoj de la mondhelplingva ideo.
2. Ĉi tiu ideo postulas idealistajn sentadon kaj sintenadon.
3. Ne estas jam „idealisto", kiu parolas pri la ideo nova kaj laŭte **aklamas** ĝin.
4. Vera idealisto devas esti pioniro.
5. Pioniroj estas homoj, kiuj laboras, laboregas, kulturantaj kaj preparantaj la kampon por la ideo, sur kiu ĝi povas kreski kaj porti fruktojn, tute egale, ĉu ili mem ankoraŭ vidos la fruktojn. (Mi havas mian specialan pensmanieron pri kolegoj, kiuj lernas Esperanton n u r, ĉar ili atendas profiton nur por si mem kaj ne unualinie por la homaro, por la nova generacio!)
   Kaj permesu la ironian demandon: ĉu eble „idealismo" konsistas en tio, ke oni lasas labori la aliajn, la „praktikajn" homojn, la „simplajn laboremulojn", kiuj estu sufiĉe taŭgaj, por esti forpuŝataj post farita laboro, kiam venos la tempo de „profito"?
6. Labori por nia ideo, esti ties pioniro, i. a. signifas: krei taŭgan organizacion, aliĝi al ĝi, kreskigi ĝin, fari ĉion, por ĝin plibonigi — kaj ne stari flanke kaj atendi, kio tine rezultos el la laboro de aliaj.
7. Ĉiu, kiu konas la historion, scias, ke neniu nova ideo iam ajn venkis sen bona organizado kaj lertaj organizantoj, kiuj dediĉis siajn tempon, forton, vivon al la organiza laboro por sia idealo. Homoj, kiuj ne komprenas tion, povas ja nomi sin „idealistoj", sed ili ne estas tiaj. Ili estas „iluziistoj". Mi malkaŝe konfesas, ke mi por tia idealisto, kiu ne celkonscie laboras, donas eĉ ne unu pfenigon. Kaj se iu ajn sentas sin ofendita pro tiu vorto, li pripensu, ke mi tute samopinias kun D-ro Zamenhof!!
8. Se ni trovos la atenton kaj la simpation de la instruistaj asocioj por nia movado, la ĝenerala enkonduko de Esperanto estos garantiata. Sed la simpation kaj la definitivan aprobon de la instruistaj asocioj (naciaj kaj internaciaj) ni atingos nur per firma kaj forta unuiĝo de ĉiuj Esperantistaj instruistoj al respektinda laborkapabla asocio, al TAGE.

Do, la tutmonda instruistaro Esperantista bezonas tre disciplinitan organizadon kaj sufiĉe imponan organizacion. Ĝis nun ni eĉ ne havas sufiĉan statistikon pri la movado inter la gekolegoj, kiuj estas anoj de la mondhelplingva ideo, ne statistikon pri Esperanto en lernejoj pro la mankanta disciplino, ne kompletan adresaron ktp. Nur por la malgranda Saksujo oni povis komenci la tiurilatan aranĝon.

TAGE (T u t m o n d a  A s o c i o  d e  G e i n s t r u i s t o j  E s p e r a n t i s t a j), ankoraŭ juna entrepreno, volas forigi ĉi tiujn malhelpaĵojn. Ĝis nun ĝi havas ĉirk. 600 membrojn. Sed dum kelkaj monatoj mi povis konstati la ekzistadon de pli ol 3000 gekolegoj Esperantistaj en la mondo kaj fiksi ties adresojn, kaj verŝajne post malmulta tempo mi povos konstati, ke ekzistas multe pli.

Bonvolu, gekolegoj, kolekti adresojn de instruistoj ĝis nun ne konataj en nia „Kunlaborado", (pri kiu mi raportos ankoraŭ ofte) kaj sendi ilin al ties sekretariino, fraŭlino M. Moelke, Sommerfeld, Nieder-Lausitz (Germanujo)!

Ĉiuj aliĝu al nia internacia organizacio, ĉiuj subtenu ĝian gazeton, abonante ĝin! Kaj ĉi tiu u n u gazeto, I. P. R. (Internacia Pedagogia Revuo) nuntempe sufiĉas; ĝi estos science objektiva, pure pedagogia kaj politike neŭ-

trala, ĝis kiam venos la tempo, kiam ni povos havigi al ni la lukson de diversspecaj Esperanto-gazetoj por instruistoj.

TAGE postulas nur tre — eble t r o — malgrandan kotizon. La abono por I. P. R. estas ridinde malalta. (Membrokotizo por TAGE i n k l. abonprezo por I. P. R. 3 germanajn markojn pojare! Nur la aliĝo de multaj, esperebie ĉiuj, gekolegoj kaj la kunlaborado komuna povos garantii la pluan vivon kaj fruktodonan laboron de la nomitaj entreprenoj.

Vi, karaj gekolegoj, konas la celon de nia movado, vi aŭdis pri la vojo al ĝi — i r u l a v o j o n!

## Internacia Oficejo pri Edukado.

Tre afable IPR petis de mi artikolon. Eble la plej utila kunhelpo, kiun mi povas alporti al la esperantista instruistaro, estas konatigi iom detale la Internacian Oficejon pri Edukado, al kiu tiel kore tiom da esperantistoj donis sian simpation. La kunlaborado de B. I. E. — I. E. O. (Bureau international d'Education — Internacia Oficejo pri Edukado) kaj esperantistaj instruistoj ne estas afero de estinteco (ni ĉiuj memoras la „P a c o p e r L e r n e j o"-kongreso en Praha); ankaŭ dum la venontaj jaroj ni celas utilan kunlaboron kun TAGE: ekzemple, per eldono de pedagogia jarlibro pri naciaj klopodoj de instruistaj asocioj.

Kio do estas Internacia Oficejo pri Edukado en Ĝenevo?

La ideo de tia centro jam havas longan historion. Oni trovas ĝin en kelkaj verkoj de Komensky (Comenius), la granda ĉeĥa pedagogo kaj pacemulo, la pioniro de novaj metodoj por finigo de malpaco per eduko de popoloj. Sed, kompreneble, la komenco de l' dudeka jarcento, kun siaj multoblaj internaciaj kongresoj kaj entreprenoj, estis speciale favora al disvolvigo de tiaj planoj.

En du rondoj ĉefe la ideo kreskis; en du landoj, Usono kaj Svisujo, kiuj, kiel federaj ŝtatoj, bonege ekkonis la valoron, eĉ la neceson de oficejoj por disvastigi konojn kaj informojn pri translimaj institucioj.

En Svisujo, D-ro Zollinger, el Zürich, jam en 1901 proponis al la Svisa registaro starigi internacian oficejon pri edukado. En 1912 kaj 1922, ĉe diversaj kongresoj, li senlace refaris la saman proponon, kaj altiris al ĝi la efikan simpation de Ĝenevaj famaj pedagogoj: Claparède kaj Ferrière.

En Usono la ideo pri monda oficejo estis subtenata speciale de pacemuloj. La granda asocio por paco per lernejo (nun „American School Citizenship League") kaj ĝia viglega sekretariino, Mrs. Andrews, sukcesis interesigi la oficialajn rondojn pri la afero. La Usona registaro eĉ petis la Nederlandan kunvoki en Hago je aŭtuno 1914 ĉiujn ŝtatojn por partopreni al unuan oficialan priedukan konferencon, kiu estus devinta starigi interŝtatan oficejon pri edukado. La milito malhelpis la kunvenon.

Sed ankoraŭ post la milito la samaj rondoj daŭrigis siajn klopodojn kaj proponis al la Packonferenco en Parizo starigi, per la pakto mem, kiu organizus la Ligon de Nacioj, Edukoficejon, paralele al la Laboroficejo. Ili ne sukcesis.

La nuna Ĝeneva I. E. O. estas tute modesta kaj privata afero. La celoj estas la samaj, kiajn D-ro Zollinger kaj S-ino Andrews intencis efektivigi per oficiala institucio. Sed la rimedoj, ĉefe la financaj, estas malgrandaj. I. E. O. estas privata asocio kun membroj aŭ individuaj, aŭ kolektivaj. Tiuj lastaj estas speciale gravaj, ĉar tiel grandaj, eĉ grandegaj asocioj estas kun-

laborantaj. Ekz. TAGE mem aliĝis kiel membro. Inter aliaj internaciaj kolektivaj membroj ni citos nur kelkajn: New Education Fellowship, Federacio de duagradaj instruistoj, Kristana junulinaro (YWCA).

Kompreneble la Oficejo mem estas religie tute neŭtrala. Ĝi nur celas servi, kaj ĝiaj servoj povas esti uzataj de ĉiuj.

Ĝia unua ambicio estas alproksimigi kaj kunigi klopodojn diversajn. Tial I. E. O. partoprenas ĉe la Pariza Instituto por Intelekta Kunlaboro la kunvenojn de la Ligila Komitato de asocioj, kiuj laboras por disvastigi en la junularo la ideojn de la Ligo de Nacioj kaj de internacia kunlaboro.

Estis granda ĝojo por I. E. O. aŭdi, ke la Internacia Kongreso de Instruistoj, kunveninta en Januaro 1928 en Buenos-Aires, unuanime aprobis ĝian programon kaj favoris la starigon de naciaj centroj, korespondontaj kun tiu de Ĝenevo. La Monda Ferderacio de Edukaj Asocioj, kiu en 1927 kunvenis en Toronto, akceptis la inviton de I. E. O. kaj venos al Ĝenevo je la fino de Julio 1929. Tiu granda kunveno estos eble tre grava por la unuiĝo de ĉiuj, kiuj nun diversflanke laboras por la alproksimigo de popoloj per lernejoj, instruistoj kaj junularo.

Sed tiu klopodo por kunligo de pedagogiaj fortoj estas nur unu el la celoj de I. E. O. Ĉiutage ĝi ricevas, per leteroj aŭ vizitoj, demandojn pri eduko en diversaj landoj, kaj respondas ilin. En pli ol 50 ŝtatoj ĝi havas kompetentulojn kiel korespondantojn, kaj per ili ĝi povas sufiĉe rapide klarigi la plej multajn demandojn. Kelkafoje tiuj informoj ne sufiĉas; necesas starigi enketon, kiu permesas kompari la situacion en la diversaj partoj de la tuta mondo. Tiamaniere I. E. O. jam informiĝis pri interlerneja korespondado, pri postlernejaj okupoj de infanoj, pri klopodoj por interrilatigi la gepatrojn kun la instruistoj, k. t. p. Kvarfoje en la jaro bulteno donas al la membroj detalojn pri tiaj enketoj kaj tre valoran bibliografion.

Mi jam diris, ke la agado de I. E. O. estas tute objektiva, scienca. Oni profitis tiun spiriton por kunvoki, je komenco de Aprilo 1928, en Luxemburg, malgrandan, sed sufiĉe gravan kunvenon por studadi dulingvecon, t. e. la psikologiajn kaj pedagogiajn demandojn, kiuj naskiĝas, kiam infano ricevas instruon per alia ol la gepatra lingvo. Kiel oni bone scias, tio okazas en diversaj regionoj ĉe la lingvaj malplimultoj. Sen la racia aŭ nacia pasio, I. E. O. esperas iom klarigi tiujn problemojn.

Tria celo de I. E. O., post kunigo kaj informo, estas porpaca laboro. La esperantistoj jam konas ĝin de la Praha kongreso, kiu, dank' al ilia kunlaboro, tiel bone sukcesis. Broŝuroj ĉeĥa, germana, esperanta, kaj nun eĉ vera libro franca donas al ĉiuj rimedon, konatiĝi kun la gravaj raportoj tie prezentitaj.

Dum venonta somero sama agado daŭros. En Ĝenevo, de la 20-a de Aŭgusto ĝis la 1-a de Septembro, oni traktos denove la samajn temojn, sed pli detale, en kompleta kurso titolita „Kiel konatigi la Ligon de Nacioj kaj vigligi en junularo internacian bonvolon?" La lecionoj kaj interparoloj estos tute praktikaj; ili celos konatigi instruistojn kaj aliajn personojn okupiĝantajn pri gejunuloj kun spertoj jam faritaj diversloke. La programo sciigas, ke la kurso estas aranĝita franclingve, sed ke se, el iu ajn lando, sufiĉe ampleksa grupo anoncus sian alvenon en Ĝenevo, la samaj lecionoj povus esti farotaj en la de ili elektita lingvo. Do en esperanto ankaŭ, se membroj de TAGE, aŭ aliaj esperantistoj el diversaj landoj, tion deziras kaj petas. Ekspozicioj pri lernolibroj, porinfanaj ĵurnaloj, filmoj, interlerneja

korespondado (ankaŭ en esperanto), k. t. p. estos organizitaj dum la kurso. Vizitoj al Sekretariejo de la Ligo de Nacioj al Internacia Laboroficejo estas promesitaj. Ni esperas, ke multaj el niaj legantoj aŭ venos al Ĝenevo, aŭ sendos kursanojn, aŭ iamaniere kunlaboros kun I. E. O. Ni jam dankas ĉiujn, kiuj, respondinte al nia alvoko kaj iĝinte membroj de I. E. O., subtenas laboron, kiu, ni scias, nepre rilatas al la interna ideo de esperanto.

Pierre Bovet.

# IALA.

(de D-ro Dietterle - Leipzig)

Jam en la I[a] numero de nia gazeto mi atentigis pri ĉi tiu grava institucio. Mi esperas, ke la gekolegoj volas scii ion pli detalan pri ĝi kaj pro tio mi skribis ĉi tiun artikolon, kiu montru la esencon, la celon kaj la ĝis nun faritajn laborojn de IALA.

IALA estas la mallongigita esprimo por „International Auxiliary Language Association in the United States, Incorporated" (t. e. Asocio por Internacia Helplingvo en la Unuiĝintaj Ŝtatoj de Nordameriko, Registr. Korporacio). Ĝia sidejo estas New York. Ĝi estas fondita en la jaro 1924 kaj apartenas al ĝi tre gravaj kaj influriĉaj personoj el ŝtatoficistaj, sciencaj, industriaj, komercaj rondoj, kiuj interesiĝas pri la mondhelplingva problemo. La gvidantoj de ĝia direktantaro estas nuntempe:

Prezidanto: S-ro Earle B. Babcock, direktor-adjunkto de la sekcio pri interkomunikiĝoj kaj edukado de la Carnegie Fondacio por Internacia Paco.

Vicprezidanto: S-ro John J. Carty, generalo (Amerika Telefon- kaj Telegrafkompanio).

Sekretario: S-ro Herbert N. Shenton, ĉefo de la sociologia fako de la Syracuse-Universitato.

Trezorestro: S-ro Dave H. Morris.

## Eldonaĵoj de IALA kaj Kunlaborantaj Institucioj.

IALA kaj aliaj gravaj institucioj, kiuj laboras kun ĝi, jam eldonis broŝurojn, kiuj raportas pri la ĝisnuna agado, pri ĝiaj celoj, pri ĝia estonta laboro. IALA ankaŭ pretigis tri lernolibrojn por eksperimentaj kursoj en Esperanto.

Unue mi citas la titolojn de la broŝuroj kaj lernolibroj:

1. Report of Progress (Raporto pri Progreso), Aŭgust 1923 by F. G. Cottrell, prezidanto de la komitato por internacia helplingvo de la „International Research Council".
2. Outline of Program (Skizo de Programo). Ĝi estas la unua broŝuro de IALA, eldonita de ties konsilantara komitato kaj direktantaro, Okt. 1924.
3. The Problem of an International Auxiliary Language. (La Problemo de Internacia Helplingvo) by Edward Sapir. (represita el „The Romanic Review" July 1925) Tiu ĉi artikolo estas raporto pri la teoriaj problemoj rilate al la evoluo de internacia lingvo.
4. A Brief Account of the International Language Movement (Mallonga priskribo de la movado de la internacia lingvo) by James Denson Sayers (represita el „Current History", Sept. 1925, monata gazeto de la „New York Times Co.").

5. International Auxiliary Language (Internacia Helplingvo) by Marguerite E. Jones (represita el „Journal of American Association of University Women“, June 1926).

Tiu ĉi artikolo estas ĝenerala prezento de ideo de internacia lingvo kaj de la nuna stato de la movado.

6. Annual Report for the year 1926, Febr. 2, 1927 (Jara raporto por 1926 de la sekretario de la direktantaro kaj konsilantara komisio de I A L A) by H. N. Shenton.
7. Why Should We Cut Out Our Tongues? (Pro kio, do, oni devas forigi la naciajn lingvojn?) by Alice V. Morris. (Represita el „The Forum“ May 1927, ĉiumonata gazeto por diskuti kurantajn demandojn.)

Tiu ĉi artikolo pritraktas la fundamentajn konceptojn ekzistantajn en ĉiuj lingvoj. Ĝi sugestas bazon por „Gramatiko de pensado“.

8. Raporto de la Honora Sekretariino de I A L A, Julio 1927 (Esperante verkita) by Alice V. Morris.
9. Progress in Learning an Auxiliary Languguage. A Report. (Progreso de lernado de helplingvo. Raporto.) by E. L. Thorndike and Laura H. V. Kennon. Eldonita de la „Institute of Educational Research, Division of Psychology“, ĉe la Instruisto-kolegio de la Columbia-University.
10. A Preliminary Investigation of the Teaching of Auxiliary Languages in Schools (Provizora esploro pri la instruado de helplingvoj en lernejoj) by S. P. Duggan. Raporto por la gepatra ligo en New York 1927.
11. The Educational Value of an Artificial Language. (La eduka valoro de artefarita lingvo.) by Helen S. Eaton. (Represita el „The Modern Language Journal“, Nov. 1927, kvaronjara gazeto de modern-lingva instruistaro.)
12. The Language Problem in International Radio Communication. (La lingva Problemo rilate al Internacia Interkomuniko per Radio.) 1928.
13. La Tri Ursoj, kaj Aliaj Rakontoj by Helen S. Eaton.
14. General Language Course No. 1. (Lernolibro por ĝenerallingva studado No. 1.) Esperanta-angla by Helen S. Eaton.
15. General Language Course No. 2. (Lernolibro por ĝenerallingva studado No. 2.) Esperanta-angla by Helen S. Eaton.

---

Jam el la cititaj broŝuroj oni vidas, ke I A L A laboras en sia lando ne sola, sed ke ankaŭ aliaj gravaj institucioj partoprenas ĝian laboron. Des pli por ni en Eŭropo estos interesa ĉio, kion oni ĝis nun pripensis kaj pritraktis en Usono, grandega lando, kiu tute ne tiom bezonas helplingvon, kiel la „malnova mondo“, disŝirita pro la lingvo-problemo. Tamen tie la intereso por la ideo de mondhelplingvo estas granda en kelkaj rondoj de personoj, kiuj sentas tion sia devo, atente priatenti ĉiun novan kulturan ideon kaj progresigi ĝin laŭforte.

---

Sur la bazo de 12 el ĉi tiuj 15 broŝuroj, broŝuretoj kaj lernolibroj mi donas bildon pri I A L A, skizante mallonge la enhavon de la broŝuroj kaj iom detale

raportante pri kelkaj tezoj kaj rezolucioj enhavataj en ili, ĉar la legantaro de nia gazeto certe povos ricevi el ĉi tiuj tezoj kaj rezolucioj multajn instigojn, taŭgajn por la propagando de la mondhelplingva ideo. (La enhavon de la broŝuroj kaj artikoloj sub No. 3. 5. 7 mi jam skizis per mallonga noto kaj ne plu priparolos ilin en ĉi tiu artikolo. La tekston de la artikolo sub No. 7 mi eble iam povos liveri por IPR en Esperanto-traduko.)

## I. Report of Progess (Raporto pri Progreso) 1923.

El la I-a broŝuro ni vidas, ke la unuan ekpuŝon en Usono, por pli detale esplori la mondhelplingvan ideon, donis la „International Research Council“, kiu fondis specialan komitaton por internacia helplingvo. Ankaŭ aliaj societoj kaj institucioj en la mondo jam antaŭe interesiĝis pri la demando. Ekzemple la sekcio por lingvistika scienco de la Amerika Asocio por progresigo de la sciencoj aŭdis jam en Dec. 1922 raporton de Prof-o Ruckmick en Boston pri eksperimento kun Esperanto kaj la dana lingvo. Plej efika por la interesuloj en Ameriko estis la fakto, ke en la Ligo de Nacioj 12 ŝtatoj en Sept. 1921 prezentis al ĝi rezolucion, kiu postulis la esploron de Esperanto. Sekve de tiu rezolucio okazis la Pedagogia Konferenco en Genève, 1922, aranĝita de la Sekretariaro de la Ligo de Nacioj, poste la Komerca Konferenco en Venezia, 1923, kaj granda nombro de kunvenoj kaj konferencoj en Usono, precipe en New York, kiuj esploris la mondhelplingvan demandon. La unua okazis la 21. de Marto 1923 en la domo de S-ino John Henry Hammond sub la prezido de D-ro Frederick P. Keppel, prezidanto de la Carnegie Korporacio, kiun partoprenis 200 personoj, inter ili tre konataj scienculoj kaj gravaj reprezentantoj de pedagogiaj, politikaj, religiaj asocioj kaj de lernejoj Oni akceptis la rezolucion de S-ro Percy S. Bullen, New York, korespondanto de la London Daily Telegraph, kiu diras:

„Oni deklaras:
ke la praktikaj interesoj publikaj postulas seriozan kaj konvenan atenton de la demando pri internacia lingvo;
ke ĝi povas okazi plej bone sub la gvidado de bone funkciantaj kaj aprobitaj institutoj por senpartia esploro kaj disvastigado de la scienco;
ke komitato devas esti starigata de la prezidanto de la kunveno, por certigi la sukcesan laboron de tia instituto kaj por raporti pri la rezultatoj al la por la hodiaŭa konferenco invititaj personoj — ĉu en venonta kunveno, ĉu letere — kiuj deziras, plene pritrakti la demandon.“ —

Post ĉi tiu „informa“ kunveno, jam 2 tagojn poste, por la 23. de Marto, invitis gesinjoroj Dave H. Morris al tagmanĝo kaj konferenco en sian domon, kiun sekvis 75 personoj, inter ili plej gravaj reprezentantoj de la scienco kaj de la New Yorka aristokratio.

La kunvenon malfermis S-ro Dave H. Morris. Parolis: D-ro John H. Finley (eldonanto de New York Times); D-ro Frederick G. Cottrel, prezidanto de la mondhelplingva komitato en la International Research Council; D-ro Stephen P. Duggan, direktoro de la Instituto por internacia edukado; generalo John J. Carty, vicprezidanto de la amerika telefon- kaj telegrafkompanio kaj D-ro Sidney E. Mezes, tiam prezidanto de la kolegio de la City of New York. Oni prezentis la rezolucion de la 21. de Marto, kiun oni akceptis decidante:

„Ni deklaras, ke ni akceptas la rezolucion de la 21. de Marto kaj estas pretaj diligente labori por progresigi la celojn difinitajn en ĉi tiu rezolucio“.

Informan konferencon oni aranĝis la sekvintan tagon, kiun krom gesinjoroj Morris partoprenis reprezentantoj de universitatoj kaj de lernejoj, inter kiuj ni la unuan fojon trovas la nunan IALA-prezidanton, S-ron Earle B. Babcock, tiam dekano de la New York-University.

La komitato estis starigata, kaj, kiel frukto, de la diversaj kunvenoj, verkis gravan „Memorial“ (memorandon), kiu fariĝis la programo por plua laboro. Mi citu tiun memorandon en ĝia nuna formo, reverkita de la sama komitato:

### Memorando pri Mondkomunikado.

„Ĉar la civilizacio pli kaj pli dependiĝas de sistemoj de interkomunikado, kiuj, per la poŝto, la gazetaro, la fotografado, la fonografo, la telefono, la telegrafo kaj la radio, faciligas interŝanĝon de pensoj inter ĉiuj popoloj; kaj

ĉar sciencaj, sociologiaj kaj ekonomiaj evoluoj en la tuta mondo postulas komunan lingvan peron por kompletigi la efikecon de tiuj materiaj rimedoj de interkomunikado; kaj

ĉar pli bona komprenado ofte rezultas el libera interŝanĝo de ideoj; kaj ĉar lingva barilo estas granda malhelpaĵo por interkomunikado inter viroj kaj virinoj de diversaj nacioj; tial ni deklaras,

ke laŭ opinio de la subskribintoj, devas esti starigata internacia helplingvo kiel rimedo por pli facila komunikado inter popoloj de diversaj gepatraj lingvoj, aŭ per akcepto aŭ modifo de sinteza aŭ klasika lingvo, aŭ per kreado de nova lingvo; kaj ankaŭ ni deklaras

ke ni, la subskribintoj, tutkore aprobas la celojn de la International Auxiliary Language Association:

1. instigi al ampleksa studado, pritraktado kaj publikigo de ĉiuj demandoj, kiuj estas ligitaj kun la enkonduko de mondhelplingvo, kune kun esploroj kaj eksperimentoj, kiuj povas akceli tian enkondukon en prudenta maniero kaj sur daŭraj bazoj;
2. labori por la konsidero de la problemo per la registaroj kaj por la eventuala starigo de internacia komisiono de fakuloj, plene reprezentantaj la problemojn implikatajn, kiuj devas laŭ ĉiu vidpunkto ekzameni la demandon kaj fine rekomendi al la registaroj de l' mondo unu helplingvon por ke ili akceptu ĝin oficiale, kaj ankaŭ rekomendi al ili la necesajn paŝojn por sukcesplene enkonduki ĝin;
3. ĉiumaniere sukcesigi la rekomendojn de tia komisiono per instigoj al kaj kunlaborado kun registaraj fakoj, porlernejaj kaj porkomercaj institutoj kaj organizacioj de laboro, scienco, literaturo kaj homaraj aferoj en la tuta mondo."

## II. Outline of Program. (Skizo de Programo) 1924.

La II-a broŝuro unue donas liston de la membroj de la generala konsilantara komitato kaj de la direktoraro de I A L A.

En la antaŭparolo ĝi denove akcentas la postulojn de la moderna interkomuniko, kiaj ili rezultas el la modernaj teknikaj progresoj. Ĝin ne sekvis la moderna evoluo rilate la lingvojn. Ĉu akcepti kiel komunan helplingvon la anglan, francan aŭ la latinan? ĉu artefaritan? Nordameriko ne havas tiom grandan intereson pri ĉi tiu demando, kiel Eŭropo.

Tamen I A L A fondiĝis 1924. Ĝi konstatis, — simile al la British Association for the Advancement of Science (Brita Asocio por progresigo de Scienco) en Edinburgh 1921 — ke ne estas eble kaj rekomendinde, akcepti nacian lingvon. I A L A nur povas elekti inter sintetika aŭ klasika lingvo, aŭ la kreo de nova lingvo. I A L A en sia „Skizo de Programo" nomas la 3 nomitajn klasojn ĉiujn, „sintetikaj" laŭ la senco de „sisteme konstruitaj ĉefe el eroj de aliaj lingvoj" (eĉ se la latina lingvo estus akceptita, ĝia vortaro devus esti tiam pligrandigata por servi modernajn postulojn kaj ĝi fariĝus sintetika lingvo).

Nun sekvas la „Skizo". Antaŭ ĝin oni metis citaĵon de Nicholas Murray Butler, prezidanto de Columbia-Universitato el sia antaŭparolo al „Le Français Langue Diplomatique Moderne" de James Brown Scott:

> „Tamen, ankaŭ kiam interkonsento ankoraŭ ne ekzistas pri lingvo komuna kaj universala, oni ne povas dubi, ke la rilatoj inter registaroj kaj popoloj estus tre faciligitaj, se ili povus interkonsenti pri unu helplingvo, kiun personoj en ĉiuj landoj lernus krom sia gepatra lingvo, kaj kiu prezentus pluan kaŭzon por akordo kaj simpatio internacia."

Unue la „Skizo" priskribas, kiamaniere oni ĝis nun pritraktis la demandon en diversaj komitatoj kaj asocioj. I A L A estas fondita por plirapidigi la procedon. Ĝi havas 3 celojn. Mi ne citas la koncernan tekston, ĉar ĝi estas konforma al la 3 lastaj partoj de la „Memorial", citita supre.

Krom tio I A L A celas Internacian Union por la tuta demando. Sed tia institucio nur povos funkcii post pli detalaj laboro kaj ekzameno.

Oni akcentas, ke ne estas tasko de I A L A, krei novan lingvon, ĉar ĝi volas nur esti kaj resti tute neŭtrala instanco por studado kaj informado. Ĝi ne volas esti juĝanto, sed nur antaŭlaboranto, farante esplorojn kaj eksperimentojn, partoprenante konferencojn internaciajn, progresigante la progreson.

Kaj nun oni donas skizon de la multa laboro ankoraŭ farenda kaj de la diversaj taskoj por I A L A; programon tre ampleksan, sed precipe gravan nur por la I A L A-anoj kaj por ĝia tuta organiza laboro. Oni nur povas miri pri la amplekso de la programo.

Ĉar la parto de la programo, kiu precipe interesas nin, estas pli detale priparolata en alia broŝuro, mi ĉi tie rezignas al plua referato.

## IV. A Brief Account of the International Language Movement. (Mallonga Raporto pri la Internacia Helplingva Movado.)

En la IV-a broŝuro la aŭtoro priskribas la historion kaj situacion de la mondhelplingva ideo. Li aludas la fakton, ke post la milito la lingva konfuzo fariĝis ankoraŭ pli granda, ol antaŭe, ĉar sekve de la moderna evoluo kelkaj — antaŭe tute ne gravaj — lingvoj plivigliĝis kaj fariĝis pli influaj. Li diras, ke nacia lingvo — nek moderna, nek mortinta — nepre ne taŭgus por la celoj de la hodiaŭa mondo. Mallonge li parolas pri Volapük, Esperanto, Idiom Neŭtral, Latino sine fleksione, Ido, Nov-Esperanto, pri literoj kun tegmento.

Li devas — ŝajnas iom vole nevole! — tute objektive konstati en la dua parto la „World Triumph of Esperanto." (Mondtriumfo de Esperanto.) Sub ĉi tiu titolo li parolas pri la diversaj Esperanto-kongresoj kaj deklaras, ke la sintenado de la Ligo de Nacioj rilate Esperanton faris tre grandan impreson en Ameriko, same la konferencoj en Venezio, Paris kaj la fakto, ke la intereso por Esperanto precipe kreskis en la orienta Azio, en Ĉinujo kaj Japanujo, kie multaj scienculoj akceptis ĝin.

En la tria kaj lasta ĉapitro sub la titolo: „Rapid Growth in Europe and South America" (Rapida kresko en Eŭropo kaj Sudameriko) li citas kelkajn sukcesojn de Esperanto, montras, ke ankaŭ oficialaj registaraj rondoj favoris ĝin kaj donas mallongan superrigardon pri la gramatiko kaj vortaro, substrekante la facilecon de ĝia ellerno kaj la ekziston de bona organizacio.

## VI. Annual Report (Jara raporto) 1926.

La VI-a kajero estas nur 4 paĝa (kun tre dense presitaj literoj), sed la enhavo tre grava. Unue oni donas la programon de I A L A per jenaj vortoj: La plej proksima tasko de I A L A estas duobla: Progresigo kaj esploro. La „progresigo" entenas la instigon al prudente kaj taŭge gvidata intereso rilate la eblecojn de internacia mondhelplingvo. La „esploro" devas montri

1. la specialan funkcion aŭ la specialajn funkciojn, kiuj estu plenumataj de internacia helplingvo,
2. la relativan meriton de ĉiuj proponitaj helplingvoj por plenumo de tiuj funkcioj.

La dua fazo de la esploro entenas

a) kontrolon de eksperimentoj en la praktika uzado de la helplingvoj
b) studadon de signifo de la helplingvoj por la edukado
c) takson de la valoro de la proponitaj internaciaj helplingvoj per komparo kun lingvaj normoj, kiuj fine decidas pri la servoj kaj daŭra valoro de iu lingvo.

Oni nomas tiujn tri specojn de esploro: a) sociologia (pri praktika uzado), b) eduka, kaj c) lingvistika.

En du ĉapitroj sub la titoloj: „Progresigo" kaj „Esploro" oni donas kelkajn detalojn. El la unua ni aŭdas la jenon: La laboroj progresigaj de I A L A estis instruaj kaj edukaj. Ili estis direktitaj kontraŭ personoj gvidantaj pensadon kaj agadon. Krom tio oni starigis „informan servon", kiu respondas al ĉiuj demandoj de interesuloj.

> „La postuloj rilate informojn pri la diversaj fazoj de la mondhelplingva movado fariĝis tiom ampleksaj, ke ili absorbis preskaŭ la tutan deĵortempon de sekretario."

La informa servo estis kompletigita per „vendo-servo", kiu fariĝis intertempe ĉiam pli kaj pli necesa. Ĵurnaloj kaj gazetoj ofte petis artikolojn pri la asocio. 2 radiostacioj de la New York City donis la informojn de la asocio pri helplingvo. „La demando pri internacia helplingvo estis akceptita en multajn programojn de asocioj, konferencoj kaj kunvenoj, kaj kelkaj membroj de la I A L A-„stabo" parolis pri ĉi tiu temo. La postulo pri enmeto de la temo en programojn kaj la partopreno al diskutoj fariĝis tiom ampleksa, ke ĝi ofte embarasigis pro la limigitaj rimedoj kaj la tial limigita personaro. Pro tio oni devis intence eviti kelkajn kontaktojn kaj limigi sin al la prudenta procedo, laŭ kiu I A L A ne plu sendos delegitojn kaj reprezentantojn al konferencoj kaj kunvenoj, se I A L A ne estas reprezentata sur la programo aŭ se la ĉeesto en tiaj kunvenoj ne rekte progresigas la esploro-planojn, je kiuj la asocio devas limigi sin dum la venonta jaro".

La sekvanta ĉapitro montras la trispecan „esploron".

La sociologia esploro pri bezono por kaj praktika uzado de helplingvo estas nur komencata.

La eduka esploro progresas bone. Oni jam laboris en diversaj kursoj sur la bazo de „testoj", parte en eksterordinaraj kursoj de l' universitato, parte en kursoj por plenaĝuloj, parte en lernejaj klasoj. Pri la rezultato raportis D-ro Thorndike kaj D-ro Kennon en speciala broŝuro (vidu broŝuro numero 6), kiu, kvankam ĝi nur estas komenco, tamen estas treege grava.

Por la eduka esploro oni fondis specialan komitaton sub D-ro Stephen P. Duggan kaj decidis pri novaj enketoj sub daŭra komitato, kiu laboras kaj kun la Institute of Educational Research (Instituto por eduka esploro) en New York kaj kun la Instituto J. J. Rousseau en Genève, kies direktoro, Prof-o D-ro Bovet, estas sufiĉe konata en Esperantujo. La lingvistika esploro alcentriĝas al „Grammar of Thought" (Gramatiko de Pensado), — verko direktata de S-ino Morris.

Ŝi jam interrilatas kun fakuloj en Ameriko kaj Eŭropo, inter kiuj ankaŭ estas Prof. D-ro Sapir, Chicago, Prof. D-ro Jespersen, Kopenhagen, kaj nia samideano Prof. D-ro Collinson, Liverpool.

Do, la esplora problemo jam estas ne plu problemo, sed fariĝis klara programo.

Je la fino oni priparolas la financan situacion. (Estas kompreneble, ke la ampleksaj planoj de I A L A postulas multe da mono.)

## VIII. Raporto pri I A L A, Julio 1927.

La Raporto estas originale verkita en Esperanto de la honora sekretariino, S-ino Alice V. Morris.

Antaŭmetante al tiu raporto la citaĵon de N. M. Butler, Prezidanto de la Columbia-Universitato, kiun mi jam citis supre, la aŭtorino priparolas la jenajn punktojn:

Celo de I A L A — Laboroj de I A L A — Instigado al Intereso — Eduka Esploro — Eksperimentaj Kursoj (en Usono) — Gvidprincipoj pri Kursoj — Mezuro de Lernado — Kunlaboro de l' Instituto J. J. Rosseau — Materialo por Kursoj — Komitato pri Helplingva Studo — Lingva Esploro — Sociologia Esploro — Komuna Celo.

La plej grava kaj interesa paragrafo por ni estas tiu pri „Gvidprincipoj pri Kursoj". Mi citas ĝin laŭvorte:

**Gvidprincipoj pri Kursoj.**

Rezulte de proksimume trijara agado, la estranta komitato de I A L A en 1927 starigis la sekvantajn gvidprincipojn pri eksperimentaj kursoj:

„I A L A penas plenumi siajn laborojn en spirito de scienca esploro. Sen antaŭjuĝoj ĝi klopodas kolekti, klasifiki, kaj kompari faktojn, kaj sur la bazo de tiuj konstataĵoj instigi al eksperimentado liveronta novajn certaĵojn. I A L A akceptas la sekvantajn faktojn kiel bazon por gvidprincipoj pri eksperimentaj kursoj:

„1. Por plenaĝuloj ekzistas en diversaj landoj multaj kursoj de Esperanto kaj konsiderinda kvanto de Ido. Inter iuj grupoj estas ankaŭ intereso por aliaj formoj de helplingvo.

„2. Esperanto estas la sola helplingvo, kiu laŭ ĝisnunaj enketoj, estas instruata en lernejoj por lernantoj aĝaj de ok ĝis dekok jaroj, kaj en kiu larĝe etendita korespondo inter lernejanoj estas ebla.

„3. Esperanto estas la helplingvo, en kiu ekzistas la plej granda kvanto da literaturo kaj la plej granda nombro da vortaroj kaj lernolibroj por la plej multe da naciaj lingvoj.

„En la lumo de l' suprediritaj faktoj, I A L A prenas la sekvantajn gvidprincipojn por kelkaj jaroj, aŭ ĝis cirkonstancoj eble postulas modifitajn aŭ aliajn principojn:

„a) Por eksperimentaj kursoj al plenaĝuloj, I A L A rekomendas studon de kiel eble plej granda nombro da diversaj formoj de helplingvo, kiuj povas ilin interesi.

„b) Por eksperimentaj kursoj al junuloj aĝaj de ok ĝis dekok jaroj, I A L A rekomendas helplingvon kiel bazon por ĝenerala lingva studo. Por tio, ĝi sugestas nuntempe Esperanton kiel la plej praktikan el la helplingvoj, pro tio, ke ĝi estas la plej disvastigita kaj en ĝi estas haveblaj la plej multe da presaĵoj. Tamen I A L A estas preta kunlabori en eksperimentaj kursoj de Ido aŭ de aliaj helplingvoj en la limoj de siaj rimedoj.

„c) I A L A rekomendas, ke al lernejestroj kaj instruistoj estu donataj plej plenaj informoj pri la disvolviĝo de la helplingva movado."

Bonvolu legi, kara kolegaro, i n t e r la linioj de ĉi tiu paragrafo por konvinkiĝi, kiel necese estas por ni, daŭre labori kun I A L A.

La raporto de s-ino Morris jam estas forsendita al multaj gekolegoj, sed momente, laŭ mia scio, elĉerpita. (Ĝi estas ankaŭ tradukita en Idon.)

**Pri la aŭtorino** mi ĉi tie volas diri kelkajn vortojn, ĉar mi jam aludis tion, ke ŝi ludas specialan rolon en nia movado. Mi ne volas rakonti, kiamaniere ŝi interesiĝis pri la mondhelplingva ideo, kvankam tiu rakonteto estus interesa, montrante, ke la tielnomata „hazardo" ofte decidas tre energie.



**S-ino Alice V. Morris**
Honora Sekretariino de IALA kaj Prezidantino de ties Komitato por Kunlabora Servo kaj Esploro.

Kiel reprezentantino de IALA ŝi vizitis Eŭropon en 1925 kaj 1927 por kolekti informojn pri ĉiuj helplingvaj sistemoj kaj por renkonti kaj interkomuniki kun iliaj gvidantoj. Ŝi ĉeestis la internacian Esperanto-kongreson en Genève por mem studadi, kiamaniere Esperanto funkcias dum kongreso. Tiam ŝi komencis paroli nian lingvon. Sed denove vizitante nian kontinenton kaj la Danzig-an kongreson, ŝi jam flue parolis kaj skribis Esperanton. Ĉiuj, kiuj konatiĝis kun ŝi, admiris ŝin pro ŝiaj energio, klara pensmaniero kaj entuziasmo por la mondhelplingva ideo. Jam en Genève kaj pli ofte en Danzig mi havis la ĝojon, konferenci kun ŝi kaj priparoli la vojon, kiamaniere ni Esperantistoj liveru la necesan materialon pri Esperanto, kiun bezonas IALA, por precipe esti instruata pri la intereso de l'instruistaro rilate Esperanton, pri ties instruado en lernejoj kaj pri la eduka, pedagôgia kaj praktika valoroj de la Zamenhofa lingvo. Ŝi poste, por plue diskuti ĉi tiujn demandojn aranĝis 3-tagan konferencon en Paris, al kiu ŝi krom Prof-o D-ro Bovet-Genève, Prof-o D-ro Findlay-Manchester invitis ankaŭ la nunan sekretariinon de la „Kunlaborado", fraŭlinon M. Moelke, kaj min. Demandite, ĉu la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko estos preta, havigi kaj liveri al IALA ĉiun materialon rilate la temon „Esperanto kaj la lernejoj", mi kun granda ĝojo promesis, fari tion, ĉar ŝajnas nia nepra devo, fari ĉion, por konvinki la Usonajn amikojn de la mondhelplingva ideo pri la disvastiĝo, taŭgeco kaj pedagogia valoro de nia lingvo. Do, en Paris, ni definitive interkonsentis pri komuna kunlaborado de IALA kaj de la Instituto J. J. Rousseau-Genève (kiuj tiam jam kunlaboris) kun la Germana Esperanto-Instituto, kiu preparu ĉion por la eksperimentoj — necesaj por IALA — sur la bazo de testoj. Fakte parta kunlaboro tiam jam ekzistis, ĉar mi estis liverinta materialon el germanaj lernejoj, prilaboritan intertempe de la komitato de D-ro Duggan, pri kies broŝuro mi raportos ankoraŭ pli sube. Tia kunlaborado kompreneble ankaŭ postulas statistikon pri la nun ekzistantaj instruistoj tutmondaj, kiuj uzas Esperanton ĉu nur por si mem, ĉu instruinte, instruante aŭ instruonte ĝin en lernejoj. (Ju pli impona fariĝos tia statistiko, ju pli multflanka la pruvo pri bonaj rezultatoj dum ĝia enlerneja instruado, ju pli energia la helpo de la gekolegaro tutmonda por la nomita komuna laboro, des pli firma fariĝos nia pozicio antaŭ IALA).

La horojn de komuna laboro kun S-ino Alice V. Morris mi alkalkulas al la plej interesaj kaj fruktodonaj horoj de mia vivo. La saman opinion esprimis ankaŭ la gekolegoj, kiuj en Danzig partoprenis la kunsidon, al kiu S-ino Morris estis invitinta gekolegojn el plej diversaj landoj.

## IX. Progress in Learning an Auxiliary Language. (Progreso en la lernado de helplingvo)

En la raporto pri „Progreso ktp." E. L. Thorndike kaj Laura H. V. Kennon raportas pri testeksperimentoj jam faritaj en Usono, kaj rilate Esperanton kaj rilate Idon.

Tre interesa por ni!

Oni eksperimentis rilate Esperanton kun 424 personoj en 20 klasoj aŭ kursoj kun lernantoj de 8—65 jaroj (en 7 libervolaj klasoj — 5 eksperimentaj klasoj — 7 klasoj kun interligo kun la oficiala kolegio-instruo — 1 eksterordinara kolegio-kurso).

4 testoj estas uzitaj diversmaniere. Plej facile mi povas montri al vi la manieron, en kiu oni aranĝis la testeksperimenton kvarspecan, donante kelkajn liniojn el ĉiu speco.

I. „vokabulara" (vortara) testo:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. tima | full of fear | possible | necessary | raid | ill |
| 2. infaneto | manner | trembling | little child | notice | soft |
| 3. apartigi | mount | pound | hold | cut into parts | add together |
| ktp. | | | | | |

Laŭ ĉi tiu sistemo la testo enhavas 100 Esperanto-vortojn. La linio **komencas** per unu Esperanto-vorto. Sekvas po 5 vortoj aŭ esprimoj en angla lingvo. La lernanto substreku tiun el la kvin, kiu estas konforma laŭ enhavo kun la Esperanto-vorto.

II. Lego-testo.
Taskoj laŭ jena modelo:
1. Faru literon Z el tiu ĉi: 7
2. Skribu S en la meza kvadrato: □ □ □
3. Aldonu krucon kaj faru tiujn ĉi vicojn egalaj: X X X
ktp. X X X X

III. Testo por konstati, ĉu kaj kiel oni komprenas la parolatan lingvon. La instruanto donas buŝajn ordonojn, je 5-sekundaj interspacoj. La lernanto devas respondi aŭ efektivigi la ordonon, ekz.:
1. Faru linion tra ĉi tiu linio: I
2. Punktu la linion, kiu ne havas punkton super si: ı i ı
3. Skribu iun numeron pli malgrandan ol dek:
ktp.

IV. Testo pri kompreno de tuta frazaro en Esperanto kun demandoj en Esperanto:
Lunde Rikardo vidis ruĝan vulpon, grizan sciuron kaj nigran serpenton en la arbaro. La sekvintan tagon li vidis brunan kuniklon kaj kvin brunajn musojn sur la kampo. Li mortigis la vulpon kaj ĉiujn musojn, sed permesis, ke la aliaj vivu.
1. Kiu estas la nomo de la knabo, kiu vidis la musojn?
2. Kiun tagon li vidis la musojn?
3. Kiun koloron havis la vulpo?

Ĉi tiuj testoj estis donitaj je diversaj tempoj. La raportantoj nun en 21 tabeloj kaj 2 kartoj, (kiuj montras la progresojn en la angla vortaro) donas la rezultatojn de la tuta kompara enketo. Ĝi okazis tre detale. La raporto por la Esperanto-eksperimento ampleksas 30 paĝojn. Sekvas la raporto pri la Ido-eksperimento sur nur 3 paĝoj kun nur 1 tabelo. Ankaŭ por Ido oni estis doninta 4 testojn laŭ la supre priparolita modelo. Ni je la fino aŭdas, ke oni havis nur 1 klason kun 13 fraŭlinoj por ĉi tiu eksperimento, kiuj lernis Idon dum Nov. 25. — Marto 26. Finante la raporton la raportantoj diras:

> „The very small number of cases for Ido makes it inadvisable to compare the rezults of learning in Esperanto and Ido" t. e. „Pro la tre malgranda nombro da provoj por Ido ŝajnas nekonsilinde kompari la rezultatojn de lernado de Esperanto kun tiuj de Ido." —

Dum la tempo de ĉi tiuj eksperimentoj oni estis aranĝinta enketon alian. Pri ĝi raportas la deka broŝuro.

## X. A Preliminary Investigation of the Teaching of Auxiliary Languages in Schools (Provizora esploro pri la instruado de helplingvoj en lernejoj).

Post danko de S-ro Stephen P. Duggan al la kunlaborantoj, S-ino Morris en antaŭparolo aludas la gravecon de la gepatra ligo en New York kun ĝiaj 1200 membroj de la gepatroj de infanoj el 70 lernejoj. Antaŭ ĉi tiu ligo Prof-o D-ro Bovet estis farinta paroladon „pri la valoro de sintetika lingvo rilate la infanpsikologion kaj la moralan edukon de l' infanoj". Ĝi okazis en la domo de la liga prezidantino, S-ino John Henry Hammond, antaŭ 250 aŭskultantoj el la ligo kaj aliaj gastoj. Ĉi tiu parolado instigis al fondo de „Provizora Komitato". Ĝia raporto nun estas prezentata en la broŝuro al la ligo kaj al IALA. Por „Komitato por kunlabora servo kaj esploro" S-ino Morris ankaŭ klarigas la rilatojn de I A L A al la internacia helplingva movado. Ŝi parolas pri la korporacioj, kiuj diskutas la problemon kaj al kiuj I A L A volas servi; ŝi akcentas la „neŭtralecon" de sia asocio kaj atentigas pri la „Skizo de Programo" (vidu supre!). El la antaŭparolo mi ankaŭ citu la citaĵon el la „Historio de helplingvoj" de Prof-o Albert Leon Guérard:

> „Ĉu ni ne ĉie anstataŭas ĥaoson per ordo, instinkton per intelekto, tradicion per scienco, la blindajn aranĝojn de l' sorto per la formanta volo de l' homo? Ĉu tio transiras la kapablecon de niaj scienculoj, krei perfekte neŭtralan lingvon?"

Sekvas la oficiala raporto. En ĝi ni legas pri la historio de la „Provizora Komitato" kaj pri la celo de ĝia plano. Ĝi limigis sin al enketoj pri lernejoj kun lernantoj de 8—18 jaroj. La esploroj okazis sur la bazo de publikigaĵoj presitaj kaj de novaj informoj. En la kolektado de nova materialo oni limigis sin al 4 landoj: Britujo, Germanujo, Svisujo, Usono.

La komitato konstatis 3 lingvo-grupojn: 1. la Anglo-Latinan — 2. Nov-Romanan — 3. Esperanto-Ido. Sed baldaŭ evidentiĝis, ke nur la 3-a grupo estas reprezentata en lernejoj kaj en ĝi ankaŭ nur Esperanto en atentindaj nombro kaj maniero.

Estis neeble ricevi iujn ajn informojn pri la enlerneja instruado de Latino sine fleksione, Romanol, Occidental kaj aliaj lingvoj de la anglo-latina grupo, ankaŭ ne de Idiom Neŭtral, Universal (Panroman) k a. de la Nov-Romana grupo.

Por konstati ion pri Ido oni ekzamenis la jarkolektojn 1910-26 de la gazetoj „Progreso" kaj „Mondo". Laŭ ĝi Ido estas instruita nur en du lernejaj klasoj, nome en Klosters (Svisujo) kaj Skrobla (Svisujo), en ambaŭ dum la jaro 1911. Demandon faritan al li, ĉu Ido estas instruita ankaŭ aliloke, la redaktanto de la idista gazeto „Mondo" neis. Pri iama unujara eksperimento, instrui Idon en la Indian Hill School en Lakeville (Usono) oni ne sukcesis ricevi raporton.

Do, oni restis ĉe la enketo pri Esperanto, ĉar ĝi sola estas instruata en lernejoj. Por ĝi la raporto de la Ligo de Nacioj estas la plej kompleta raporto. Ĝi estas priparolata pli detale. Ankaŭ la konferencon pedagogian en Genève oni citas kaj samtempe la alvokon, kiun tie faris la Esperanto-instruistoj. Poste oni konstatas ke de post 1922 oni trovis nur unu oficialan „raporton" pri la temo „Esperanto kaj lernejoj", nome la raporton de la Saksa Esperanto-instruistaro.

Nun sekvas la raportoj pri la situacio en la supre cititaj 4 landoj. En la raporto pri Britujo oni donas la oficialan raporton de la Brita registaro, kiun ni konas el la raporto de la Ligo de Nacioj, kaj la Bishop Auckland School-eksperimenton, cetere raporton pri eksperimento de Prof-o D-ro Findlay, Manchester, kun instruisto-klaso, kiu i. a. diras:

> „Praktikan konon de Esperanto oni povas havigi al si en multe pli mallonga tempo ol iun ajn antikvan aŭ modernan lingvon; tri semajnoj de streĉa studado sub la gvidado de bona instruisto kapabligas klason de instruistoj, sufiĉe lerni la plej ĉefajn lingvajn regulojn kaj havigi al si kapablecon, kiu estas atingata por la franca aŭ germana lingvo en la eksterlando post dekdumonata studado nur tre malofte."

Por la raporto pri Germanujo oni uzis la raporton de la Saksa Esperanto-instruistaro kaj la oficialajn dekretojn de kelkaj registaroj, cetere ankaŭ la sciigojn de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko, kiu speciale liveris por la enketo la materialon el 28 lernejoj.*)

Por Svisujo oni uzis raporton de Prof-o D-ro Bovet.

En la dua parto de la broŝuro oni priskribas la forsenditan demandaron.

| | |
|---|---|
| El 21 lernejoj en Britujo, | al kiuj oni sendis ĝin, resp. 11 |
| El 28 lernejoj en Germanujo, | al kiuj oni sendis ĝin, resp. 28 |
| El 1 lernejo en Usono, | al kiuj oni sendis ĝin, resp. 1 |

En 24 el ĉi tiuj lernejoj Esperanto estas instruita — ĉu devige, ĉu nedevige — oficiale, en 16 neoficiale, (t. e. ekster la oficiala instruplano).

En 35 de la 40 lernejoj la infanoj korespondas kun infanoj el aliaj landoj. Unu el la germanaj lernejoj raportas pri 267 korespondaĵoj kun 26 landoj.

Poste la raporto donas superrigardon laŭ landoj super la respondoj al jenaj 5 demandoj de la demandaro:

1. Ĉu vi opinias, ke la studado de Esperanto helpas pli bone uzi la gepatran lingvon?
2. Ĉu vi opinias, ke la studado de Esperanto helpas la studadon kaj uzadon de modernaj fremdaj lingvoj kaj de la antikvaj lingvoj?
3. Ĉu vi opinias, ke la studado de Esperanto instigas la pensadon?
4. Ĉu vi opinias, ke korespondado bone influas la komprenon de l' infanoj por geografio kaj historio, la intereson por moroj, literaturo kaj arto de fremdaj popoloj
5. kaj por amikaj interrilatoj inter diversaj popoloj?

---

*) Ekzistas ja multe pli da lernejoj en Germanujo, en kiuj oni instruas Esperanton, sed I A L A bezonis nur limigitan materialon.

La respondoj el ĉiuj 4 landoj estas la samaj, kiujn oni jam konstatis dum la pedagogia konferenco en Genève.

Interesa estas ankaŭ la sciigo, ke en la 40 lernejoj, kiuj raportis, inter la jaroj 1910—26 estas instruitaj pri Esperanto 6344 infanoj.

En 6 de la 11 anglaj, kaj en 7 de la 28 germanaj lernejoj Esperanto estis la sola fremda lingvo.

Mi tre bedaŭras, ke mi ne povas raporti pli detale pri ĉi tiu 74 paĝa broŝuro kaj ankoraŭ pli, ke ĝi nur aperis en angla lingvo, kiun tre multaj kolegoj ne komprenas.

## XI. The Educational Value of an Artificial Language. (La eduka Valoro de Artefarita Lingvo.)

La XII-a broŝuro, skribita ĉefe por la lingvo-instruistaro, elmetas la diversajn punktojn priparolitajn de Esperantoj-instruistoj rilate al lingvaj profitoj rezultantaj el la studado de Esperanto. La aŭtorino citas instruistojn en Anglujo kaj Germanujo, skribas pri la Ĝeneva pedagogia konferenco, kaj priskribas siajn vizitojn en Esperanto-klasoj en lernejoj en Anglujo. Ŝi invitas al kunlaboro kun la „Institute of Educational Research“ kaj instigas gelernejestrojn al enkonduko de Esperanto-kursoj kiel eksperimenton kontrolotan de la Instituto kaj provotan per ĝiaj testoj.

## XII. The Language Problem in International Radio Communication. (La lingva Problemo rilate al Internacia Komunikado per Radio.)

Tiu ĉi estas broŝuro de malmulto da paĝoj, en kiu oni donas statistikon pri la nombro de stacioj en diversaj landoj, el kiuj paroladoj kaj kursoj en Esperanto kaj Ido estas brodkastitaj. Oni citas oficialajn rezoluciojn de radio-asocioj kaj montras, ke sufiĉa nombro da ili jam rekomendas Esperanton por internacia komunikado.

## XIII. La Tri Ursoj, kaj Aliaj Rakontoj,

estas legolibro por infanoj komencantaj la studadon de Esperanto. Ĝi enhavas ses el la plej bone konataj fejnorakontoj kaj dekkvar mallongajn anekdotojn, ĉiun sekvata de kelkaj demandoj. La vortoj estas tre simplaj. Ili estas elektitaj, kiel ankaŭ diversaj esprimoj, pro sia simileco al la franca lingvo, ĉar la klaso, por kiu tiu libro estis pretigita, uzis ĝin kiel bazon por la sekvonta studado de la franca lingvo.

## XIV. General Language Course, No. 1. (Lernolibro por ĝeneral-lingva studado, No. 1.)

Per tiu ĉi lernolibro oni klopodas doni al la juna studanto bazon por sekvonta lingvo-studado. El la 893 radikoj en la libro, 195 apartenas al la lingvoj latina, angla, franca kaj germana; 160 al la latina, angla kaj franca; 139 al la angla, franca kaj germana.

Ĉiu leciono enhavas esperanto-anglan vortareton, legaĵon en Esperanto, kelkajn demandojn en Esperanto pri la legaĵo. La unuaj dudek lecionoj enhavas paragrafon pri Esperanto-gramatiko. Post la dudeka leciono tiu ĉi paragrafo koncernas radikojn de la legaĵo, kiuj similas anglajn radikojn. Post tiu ĉi paragrafo troviĝas paragrafo pri vortformado, kiu rilatas la Esperanto-afiksojn. Fine sekvas paragrafo en angla lingvo por traduko en Esperanton. Ĉiu legaĵo estas parto de rakonto pri juna knabo, kiu vojaĝas ĉirkaŭ la teron kaj kiu kondukas kun si knabon aŭ knabinon el ĉiu lando vizitita.

Tiu ĉi lernolibro servu por dek ĝis dektrijaraj gelernantoj.

## XV. General Language Course, No. 2. (Lernolibro por ĝeneral-lingva studado. No. 2.)

Tiu ĉi lernolibro similas la unuan. Ĝi estas destinita por pli aĝaj gelernantoj kaj enhavas lecionojn pri la latina, angla, franca kaj germana lingvoj rilate al vortformado kaj etimologio.

La rakonto estas traduko de „La Parure“ de Guy de Maupassant.

## Alvoko.

Esperebje IALA estontatempe uzos nian IPR, por regule informi la tutmondan instruistaron pri sia dankinda laboro ankaŭ en Esperanto.

Pri tio, ke la IALA-laboro estas tre dankinda, nenie ekestos dubo. Vi vidis el mia raporto, kiom da laboro kaj energio ĉi tiu asocio jam dediĉis al la mondhelplingva ideo. Ni ĝoju pri tio kaj laboru por ĝi, ĉar por mi ankaŭ ne ekestas dubo, ke la nuntempe ankoraŭ tute neŭtrale esploranta kaj eksperimentanta IALA fine konvinkiĝos, ke la mondhelplingva problemo jam definitive estas solvita.

IALA ja jam estas sur la vojo al ĉi tiu celo. Sed ni ankaŭ komprenu ĝian ankoraŭ „esploran“ sintenadon, pruvante niaflanke, ke ni ne timas pluajn esplorojn kaj ke ni volonte estas pretaj al ĉiuj eksperimentoj, kiuj montru la taŭgecon kaj la pedagogian valoron de nia lingvo.

Helpu nian „Kunlaboradon“*) kun IALA kaj kun la Instituto J. J. Rousseau dum la venonta laboro sur la bazo de tute nove ellaboritaj testoj, pri kiu mi raportos alifoje.

# DIVERSAĴOJ.

## Al niaj legantoj.

Pro troŝarĝo de la administranto (gravaj urĝaj propagandlaboroj) membrokartoj de TAGE ne estas dissenditaj. Multe da korespondado devis esti prokrastata.

I. P. R.

## Ĵus aperis

Statistiko por la Saksa Esperanto-Instruistaro 1927. Adresaro de la membroj. Bonega eksteraĵo-eldonaĵo de F. Hirt & Sohn, Leipzig.

Prezo: 0,50 gm. = 2 respondkuponoj. Mendu la bonan propagandilon ĉe administrejo de IPR.

## Jarlibro 1925.

Adresaro de Esperanto-instruistoj el ĉiuj landoj. Pli ol 2000 adresoj. Havebla por 0,50 gm. = 2 respondkuponoj ĉe

Administrejo de IPR.

## Al tutmonda Instruistaro.

Blankrusa pedagogia revuo „Asveta“ (Klerigo) detale informas kaj klarigas demandojn pri sovieta kleriga politiko, metodiko, praktiko, pedologio kaj memperfektigo de instruistoj. Sufiĉe da loko oni destinas por informado el sovetaj respublikoj kaj ankaŭ el eksterlando.

Artikoloj presitaj en revuo estas pagataj (30 dol. por presfolio – 40000 tipo-signoj).

---

*) Pri nia „Kunlaborado“ mi jam raportis en la antaŭa numero kaj hodiaŭ atentigas denove pri tio, ke oni bonvolu direkti ĉiujn leterojn kaj demandojn rilate al la IALA-laboro al la sekretariino de Kunlaborado: Fraŭlino M. Moelke, Sommerfeld, Niederlausitz, Germanujo.

Redakcio korespondos esperante, blankruse, ruse, france, ĉeĥe, pole, litove, germane, latve kaj jude.

Redakcio de «Klerigo».

Adreso: Sovet-Unio. Blankrusio. Minsk. Nar. Komisarjat Asvety. Redakcio de „Asvety".

## Libro pri Ornamaĵoj.

Mi eldonas mian verkon „Metodo de la manpresitaj ornamaĵoj" en Esperanto, ĉar miaj laboroj vekis intereson de multaj fremdlandaj gekolegoj. La 1-a parto enhavas klarigojn pri la tuta laboro kaj 8 multekolorajn aldonojn. Prezo: 2,50 sv. fr. (nur por mono antaŭsendita). Dua parto sekvos.

S-ro D-ro P. Bovet, universit. prof. kaj direktoro de la Instituto J. J. Rousseau en Ĝenevo, skribas pri mia metodo: „La metodo, permesanta al la infanoj, mem presi tiel belajn ornamaĵojn, estas vere mirinda".

Geinstruistoj, aĉetu tiun ĉi interesan verkon! Gepatroj, donacu ĝin al viaj infanoj! Esperanto-grupoj, aĉetu ĝin por viaj lernejoj.

A. Neužil, lernejestro, Olomouc-Neředin.

Kiu mendas tiun ĉi rekomendindan libron ĉe la administracio de IPR, ricevas ĝin por la prefera prezo de 1,50 gm.

## Someraj Kursoj en Ĝenevo.

Internacia Oficejo pri Edukado invitas al kurso pri Diskonigo de Ligo de Nacioj kaj Evoluigo de la spirito de internacia kunlaborado, 20. Aŭg. — 1. Sept., prezo 20 sv. fr.

La prelegoj ankaŭ okazos en Esperanto, se sufiĉe da Esperantistoj partoprenas. Komparu la artikolon de Prof. Bovet en la sama N-o.

Instituto J. J. Rousseau invitas al libertempa kurso pri Infanpsikologio, Aktiva Lernejo, Orientigo pri Profesioj, Psikanaliso, Aŭtosugestio; 13. — 25. Aŭg., prezo 50 sv. fr.

Unio Internacia de Asocioj por Ligo de Nacioj invitas al kurso pri Ligo de Nacioj kaj pri Internaciaj Problemoj 27. Aŭg. — 1. Sept.

Prezo por ĉiuj 3 kursoj 60 sv. fr.

Adreso por ĉiuj 3 kursoj: 4 rue Charles Bonnet, Ĝenevo.

La kursoj meritas la atenton de la Esperantistoj.

## La Tago de l' Bonvolo (18. Majo).

Esperanto-Instruistoj bonvolu atenti la deklaracion de la infanoj de Wales al la infanoj de ĉiuj nacioj, kiu estos disaŭdigata per radio la sepan fojon.

---

Presejo: Dr. Karl Pickert, Leitmeritz, Bohemio.

## TARIFO DE LA ABONPREZOJ.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 4 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉek. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | drahmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | eskud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1,— M por la germ. asocio, kaj 3.—M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutsch, No. 27.857", membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, Dresden, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.



## AGENTOJ DE TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En Landoj**

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex. |
| Aŭstra: | Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9. |
| Belga: | Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné Anderlecht, Bruxelles. poŝtĉ. 124.801. |
| Blankrusa: | Agentejo Esperanto, D. Snejko, Minsk, Poŝtkesto 33. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉekoslovaka: | Albin Neužil, lernejestro, Olomouc-Neředin. |
| Dana: | La Forta Voko, Dana Esperanto-Gazeto, Poŝtkonto: 3584. —S-ro Paul Neergaard, Kastelsvej 21, Kopenhago. |
| Estona: | Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn. |
| Finnlanda: | Pârnânen, Sulkava, Lieviska. |
| Franca: | M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret. |
| Germana: | Goldberg, Frohburgerstr. 68 p. Leipzig-S 3 |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona. |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag-utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Java: | K. Wirjosaksono, Klaten. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petrovič, Pirot, Serbio, Novosádska 17. |
| Litova: | A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR). |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom. poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan). |
| Rumana: | Francisko Abel, Ineu, Jud. Arad. |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo |
| Sveda: | Sam Jansson, Rektoro, Beskowska Skola, Stockholm-O. |
| Svisa: | S-ino N Qumansky, 4 Petites Delices, Genevo. |